# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 23/02/2012 Tridekdua Eldono 2012 23/02/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

Sendu 'oni diras' informon. Sekretoj apartigus nin.

## Somerlernejoj??

Mi opinias ke la Esperantistoj jam voĉdonis per la piedoj kontraŭ somerlernejoj ĉe Aŭstralio.

**Kion vi opinias?** Sendu al Roger Springer rspring@tpg.com.aŭ



**Jonathan Cooper,** kiu jam de 20 jaroj laboras en la Artgalerio de Novsudkimrujo, prelegos en Esperanto pri "Moderna arto: kio ĝi estas kaj de kie ĝi venis?"

La prelego okazos en la Esperanto domo de Sidnejo sabaton la 26an de majo je la dua horo posttagmeze.

## INTERESA PAROLANTO

Se mi loĝus en aŭ apud Sidnejo, mi certe ĉeestus la prelegon de Jonathan Cooper en la Esperanto-Domo sabaton la 26an de majo je la dua horo. Mi konas Jonathan nur per YOUTUBE-elsendoj de usona programo, BOOKBOX. Por ekzercigi infanojn (kaj plenkreskulojn) pri lingvolernado, BOOKSBOX prezentas bone legatajn rakontojn de historietoj en multaj lingvoj kontraŭ fono de animaciaj kurtfilmoj, humor-muziko, sonefektoj kaj la printita teksto de la legata rakonto.

Kelkaj el tiuj rakontoj estas en Esperanto, legataj de homoj el diversaj landoj. Unu el la aŭstraliaj legantoj estas Jonathan Cooper. Li bonege prononcas la lingvon kaj ĉarme laŭtlegas. Vi povos aŭskulti du el tiuj rakontoj per

http://www.youtube.com/watch?v=MdOonoPixHU

kaj http://www.youtube.com/watch?v=oWm5rs-jfsQ

Mi volonte aŭskultus lin en Sidnejo en majo - ne nur pro intereso pri moderna arto sed ankaŭ por ĝui la plezuron aŭdi bone parolatan Esperanton.

Max WEARING. Max Wearing mwearing@internode.on.net




Jen la 6a rakonto kiun mi tradukis. Temas pri ĉarma rakonto en kiu kvar amikoj helpas unu la alian.

www.youtube.com/watch?v=HuDI4jdhCsQ

Amike, nicole

Nicole Else nicole@cryogenic.net




Saluton al ĉiuj! Mi deziras proponi al la Esperantistoj de Sidnejo, ke ni ĉiuj (tiuj kiuj loĝas en Sidnejo) **Esperantan promenadon je la 11-an de Marto.** La plano estas simpla, mi alportos la afiŝojn kaj ni disdonos ĝin al ĉiuj ni renkontus. Ni unue devus renkontiĝi **ĉe Esperanto Domo (en Redfern) je la 11:00 antaŭtagmeze,** kaj poste promeni kune de Redfern al Town Hall. Mi enmetis la broŝuretojn por ĉiuj vidi. ĉar, eĉ kun la granda reklamado de la interreto, ni la Esperantistoj ankoraŭ estas malvideblaj en Novsudkimrio. Do, se vi interesus, sendu al mi vian intereson! informado@esperanto.org.au

Ankaŭ se vi volas havi pli grandan kopion de la enmetita grafiko, mi ankaŭ povas sendi ĝin al vi. Mi esperas ke aŭdi de ĉiu baldaŭ!

Riĉardo Direktoro de Informado Richard Delamore <r_delamore@hotmail.com>

**Nicole petis min enmetu kopion de letero** ke ŝi sendis al Dianne Lukes antaŭ ŝi sendis la leteron eldonita je 'Aŭstraliaj Esperantistoj'n 31 pri la AEA estraro.

Kara Diano,

Multan dankon ke vi finfine donis al mi ege multajn informojn pri AEA.

Se vi ne bone komprenas kial mi dankas vin, legu la venontan novaĵleteron. Mi konscias, ke gxi estos ŝoko por vi kaj do mi avertas vin por ke vi povu psikologie prepari vin al gxi. Kial mi faras tion? Ne ĉar mi malamas vin aŭ volas ĉagrenigi vin, sed ĉar mi pensas, ke estus bone por la Esperanto movado se vi demisius.

Mi esperas, ke vi kapablas distingi inter vi kiel persono kaj vi kiel prezidanto. Mi ne kredas ke vi estas malbona persono, sed nur ege malmultaj personoj havas la necesajn kvalitojn por esti gvidanto, prezidanto, kaj bedaŭrinde vi ne estas unu el tiuj personoj. Tio ne signifas, ke vi estas malbona persono. Ĉiuj havas malsamajn kvalitojn kaj talentojn, supozeble vi povas esti tre bona amikino, ktp. Vi supozeble havas bonajn intencojn, sed por gvidi tutlandan asocion tio ne sufiĉas. Mi pensas, ke vi estos multe pli feliĉa kiel ordinara esperantisto. Tiam vi povos libere elekti tion kion vi volas fari, vi povas helpi al iuj, ignori aliajn. Sed esti prezidanto havas respondecojn ekzemple pri mono. Por helpi Penny vi ne hezitas elspezi grandegajn sumojn, sed por somerkursaro vi ne pretas riski kelkajn dolarojn. Via sinteno rilate al mia libro ja estas tipa. Por la libro de Penny AEA ne hezitas elspezi multe da mono, Penny rajtas mem profiti per gxi, sed mi devis doni la tutan profiton al AEA (unua eldono). Por la dua tio ne okazis, do mi estas ege aĉa persono.

Per via lasta eraro vi ja donis al mi grandan helpon por instigi vin al demisio. Mi kontaktis plurajn AEA membrojn kiuj subtenas mian leteron al la novaĵletero. Mi ankaŭ enketis ĉu ja estas personoj kiuj pretas anstataŭi la nunajn estraranojn, se ili decidus demisii kaj ŝajne tiu problemo ja sufiĉe facile solveblas.

Mi bedaŭras, ke mia letero al Roger supozeble ĉagrenigos vin, sed mi estas konvinkita ke finfine tio estos por la bono de AEA, ke tiel ni povos ree havi asocion por ĉiuj esperantistoj kaj ne nur por viaj personaj geamikoj.

Mi deziras al vi feliĉon en via vivo kiel ordinara esperantisto, amike, Nicole

Nicole Else nicole@cryogenic.net

Strange, kiel iu rimarkigis la AEA retejo ne plu estas atingebla. Se vi provas iri al www.esperanto.org.au vi atingas la rimarkon This account has been suspended. Tamen la arkivoj ankoraŭ estas atingeblaj per la rekta ligo

http://esperanto.org.au/pipermail/estraro2_esperanto.org.au/

Nicole Else nicole@cryogenic.net

## KAREGULO, DORMU MILDE

Sendube vi kaj multaj aliaj aŭstraliaj esperantistoj memoras Inĝenieron Marco Hiroshi Weisz, kiu akompanis min al la jarkunveno de AEA en 2010. Poste aperis en ESK raporto mia pri la reago en Esperanto Domo post lia laŭtlegado de la vortoj de lulkanto, *Dormu Milde*, antaŭ ol ni kantis ĝin kun KD de Kajto.

Marco restis en Adelajdo dum kelkaj monatoj kiel membro de la plankomitato por la jarkunsido de AEA en 2011. Danke al lia entuziasmo pri la ideo inviti partoprenantojn de tiu kongreso aperi en kostumoj de la 1910aj jaroj, la raportoj en ESK pri tiu kongreso inkluzivis foton pri kongresanoj preskaŭ same atentokaptan kiel tiuj de la unua AEA-kongreso en julio 1911.

Marco intencis akompani min ankaŭ al la Universala Kongreso en Kopenhago en 2011 sed bedaŭrinde mortis en la domo de siaj gepatroj, Profesoro Alessandro kaj S-ino Kuniko Weisz en junio 2011. Mi tiam ne anoncis lian morton en Aŭstralio, sed la 8an de fenruaro 2012, lian naskiĝdatrevenon, Facebook anoncis ĝin al la tuta mondo.

Vidu intervjuon kiun faris Nicole Else kun Marco apud la Opera Domo de Sidnejo en 2010.
http://www.youtube.com/watch?v=6gW6T-06ID4

Marco kaptis por Eo ankaŭ alian bonan lernanton pri Esperanto, Lilin ("Cathy") CHEN, kiu ankoraŭ studas en universitato en Adelajdo. Marco estis karega junulo. Li dormu milde en nia memoro.

Max. Max Wearing mwearing@internode.on.net

Plenigaĵo





Supre estas terasaj domoj tri etaĝa, antaŭurba loko. Homoj malmultaj
Maldekstre estas antaŭurba loko. Ses etaĝa, ne estas lifto, ĝis 6 dormĉambraj apartamentoj, freŝa aero, belaj komunaj ĝardenoj, proksima? al la urbo

武汉, Wuhan City Ĉinio 中国